# Kajeroj — el la Sudo



BULTENO DE HISPANA ASOCIO DE LABORISTOJ ESPERANTISTAJ (HALE)

Sidejo: Strato Sol, 75. E-41003-SEVILLA (Hispanio).

Prezidanto: Manuel López Hernández
Apartado 369. 41080-SEVILLA.(Hispanio).
*****
Sekretario:Alberto Franco Ramirez
Sol, 83-85. 41003-SEVILLA.(Hispanio)
*****
Kaisto: Ramon Manau Torres
Montseny, 5 (piso).08208-SABADELL (Barcelona).Hispanio.

Kovrilo: Romia teatro de Mérido, urbo kie okazos venontjare la Ĝenerala Asembleo de HALE.

Redaktoroj de la bulteno:

Antonio Marco Botella
Av.Compromiso de Caspe, 27/29. 9ª C
50002-ZARAGOZA. (Hispanio).
*****
Miguel Fernández Martin
C/Santa Genoveva, 58.-6ª.C
28017-MADRID (Hispanio)

Enhavo:



NOTO: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aútoroj mem.

# Omaĝe al prof. Régulo.



*Trablovoj alizeaj, aromoj el bananujoj, varmaj sonoroj el kordinstrumentoj kaj voĉoj:Kanariaj Insuloj.*

*HALE-anoj kunvenis kadre de la 51a HEF-kongreso. Nur plenmano da. La Laguna, tiel proksima al la koro de ĉiu progresema esperantisto, geografie tre foras. Neeble do, eĉ ne supraĵe, pritrakti nian nunan problemaron nek skizi la profilojn de nia estonta agado.*

*Sed tio, kvankam plej grava, iĝis ĉi-kaze sekundara manko. Nian animon gvidis alia imperativo: la deziro omaĝi al prof. Juan Régulo Pêrez, al ties vivo kaj verkoj, stampitaj per alta intelekta praktiko kaj sindonemo, nome homeco. Ni avidis kunfesti lian bonhomecon. Sincere. Modeste sed arde. Per la plej grandioza, kiun homo povas donaci al alia, la plej intima, la plej profunda: la lirlo de la animo: la poezio. Pompon kaj brilaĵojn ni lasis -ĉiam lasos- al la kultivantoj de la falso. En La Laguna ni kundividis aŭtentan vibradon kolektivan. Tiele premieris la Lirikaj Festoj de HEF.*

*Tri sesioj. En la unua kaj la dua, parola poezio: originalaj kaj tradukitaj poemoj, lirikaj rakontoj kaj eseoj el la plumoj de Carmel Mallia, Verloren van Themaat, Abel Montagut, Giorgio Silfer, Marko Petroviĉ, Edwin de Kock, Georgo Kamaĉo, Gabriel Mora i Arana, Gonçalo Neves, Boris Kolker kaj Antonio Marco Botella kaptis la spiriton de la ĉeestantoj pere de la voĉoj de Ana Manero, Pedro Garrote kaj mia propra, kun muzika fono el R.Strauss, Mussorgsky, Rimsky-Korsakov k.a. Unika ŝanco ĝui tiom da unurangaj beletraĵoj kunaj. Sensebla pruvo -fierdona pruvo-, ke Esperanto ne nur trabatas al ni la vojon al alirimede nealireblaj kulturoj, sed ankaŭ kreas propran universalan kulturon. Tiel vivantecan,*

*altflugan kaj allogan, ke, eĉ se nur por partopreni ĝin, ja valorus la penon plonĝi en la lernadon de nia lingvo.*

*En la dua sesio de la Lirika Festo partoprenis nia kdo Marko Petroviĉ, el Jugoslavio, per tri belaj poemoj. Liberecana kritiko al la burokratoj, pledo por la sociaj konkeroj, por aŭtenta socialismo... Jen unu el la poemoj de nia kdo deklamitaj sur la scenejo de La Laguna en tiu memorinda Festo:*







## EFEMERECO.-

*Kio estas efemereco?*
*Tio estos mia ĉambro,*
*dum priploros pluvoj*
*la senhejmajn hundojn,*
*adiaŭonte la hirundojn.*
*En ĝi okazos nur mi*
*kaj nenio pli.*

*Efemereco.*
*En ĝi nenio okazanta estas,*
*tamen, en mi la ŝajno nestas,*
*ke tra efemereco arbo kreskas*
*kaj sur la arbo -sur ĉiu ĝia branĉo-*
*dum pluvsimfonia dimanĉo,*
*bonodoras floroj, folias la horoj,*
*burĝonas la tagoj,sen enhavoj,agoj,*
*susuras la datoj,fruktas la monatoj*
*kaj -laŭ la strikta vivhoraro-*
*ĉiu el folioj estas unu jaro,*
*forblovataj kirle kun la tempodrivo*
*nuda restas arbo, maturiĝas,vivo...*

*Efemereco?*
*Tio estis mia ĉambro,*
*dum priploris pluvoj*
*la senhejmajn hundojn,*
*adaŭonte la hirundojn,*
*En ĝi okazis nur mi*
*kaj nenio pli...*

*La tria sesio konsistis en liriko-muzika spektaklo:La profil' de viaj spuroj. Entuziasmoplene konceptita propono de kunmeto de diversaj esprimrimedoj aŭ arteroj -poezio,muziko,kanto, lum- kaj son-efektoj, ktp. -en poeziecan tuton. Originale esperanta aranĝo. La kantistino kaj gitaristino Laura Carballo, de Kostariko, s-anino Ana Manero, s-ano Fernando Moral kaj la ĥoro "Verda Stelo", de Madrida Esperanto-Liceo... Kiom da belaj nuancoj, fajno, sentivo, komunikpovo... kunaj! Kia honoro por mi kunroli per deklamado kaj kantado!*

*Pri la muzika flanko okupiĝis s-ano Pedro Vilarroig, de Madrida Esperanto-Liceo. Kiel komponinto kaj interpretinto de la konĉerto por piano kaj orkestro, kiu kasede fonis dum la poemdeklamado, kaj de la impona simfonio "Kosmo", per kiu finiĝis la spektaklo. Kiel muzikiginto kaj harmonizinto de ĉiuj kantitaj poemoj. Kiel dirigento de la ĥoro "Verda Stelo"...Eskvizite. Majstre. Kun la tuta majesto de aŭtenta talentulo.*

*Pri la poemoj kaj teksto responsas mi. Mia koro, mia amo al la poezio, mia bezono starigi poezian dialogon kun la aliaj. Se io kun la plej eta rilato al la arto troviĝas en mi, tion ja mi elverŝis -aŭ klopodis elverŝi- sur la tekston kaj poemojn de "La profil' de viaj spuroj". Pene kaj ĝoje. Pri la fina rezulto, kompreneble, parolu nur la spektintaro.*

*Kiel kunordiginto de la Unua Lirika Festo de HEF, mian plej koran dankon al la homoj, kies kontribuoj ebligis la sukceson de nia aranĝo. Same, al la beletristoj iel reagintaj al nia rekta alvoko, eĉ se ili diverskiale sendis al ni nenian kunlaboron aŭ tia trafis nin malakurate.*

*Al la ceteraj eminentaj poetoj, kiuj eĉ ne degnis respondi nian invitleteron, multaj el kiuj neniam ŝparis laŭdojn al prof. Régulo nek bombastojn pri grandaj rondoj familiaj ks, mian plej koran kaj elegantan forgeson. Ili sidu plue ĉe Olimpo; ni,ĉe la popolo.*

*HALE aliĝis tuj al tiu omaĝo, Ne vane prof. Régulo estis -estas- progresema homo apartenanta al niaj laboristaj vicoj. Ja antaŭ la eksplodo de la hispana enlanda milito li anis ĉe laborista asocio kaj prezidantis ĉe progresema studenta federacio. Tial li suferis plurjaran karceron en la teruraj Nord-afrikaj prizonoj kaj koncentrejoj de la Franko-a diktaturo. Ni scias, ke li, prof. Régulo, ankoraŭ*



*restas fidela al tiuj progresemaj idealoj.*

*El Kanarioj, krom la impreso, ke ondeto da pesimismo ekstariĝas ĉe la hispana esperantistaro, krom la bedaŭro, ke ne multaj gejunuloj partoprenis -La Laguna, tiel proksima al la koro de ĉiu progresema esperantisto, geografie tre foras-, krom mia ĉiuflanka klopodado ĝis la lasta momento, por ke oni havigu al ni la rimedojn minimumajn por inda disvolvo de nia festo-omaĝo, laŭe al la alta intelekta staturo de la priomaĝito, krom ĉio ĉi, mi kunportis al Madrido la esperantan fervoron kaj amikecon de pluraj kanariaj samideanoj, sincerajn gratulojn min spronantajn al plua laborado super la kulturo en Esperanto, mil kolorojn, mil kanzonojn kaj unu bildon porĉiame gravuritan en la animo: la noblan frunton, la serenan rigardon de homeca homo katenita de malsano: Juan Régulo Pérez.*

*Mia omaĝo al li ja konstantas miakore.*

*Miguel Fernández Martín*

****** ****** ******

# ADMINISTRA ANGULO

*Pagis siajn respektivajn abonojn:*

| | |
|---|---|
| *Grupo Esperantista de Alicante* | *800,- Ptojn* |
| *D-ro José Olavide* | *800,- "* |
| *Maria Pi Maynar* | *10.000,- "* |
| *Ana Maria Molera* | *1.000,- "* |
| *Galega Esperanta Asocio* | *5.000,- "* |
| *SUMAS* | *17.600,- "* |

# Bona decido, nelogikaj reagoj.



*Antaŭ kelkaj semajnoj mi legis artikolon de kelkaj komunistoj, kiuj decidis...resti komunistoj. Meritoplena decido ĝuste, kiam ondo da malprestiĝo akcelas la renverson de multenombraj komunistaj partioj same en Oriento kiel en Okcidento. Tamen, oni povus konsideri la decidon trafa, se temus pri fideleco al idearo laborista, al idealo celanta plibonigon de la socio per sistemo kontraŭkapitalisma, se la celo de tiuj, kiuj decidis resti komunistoj kohere kun siaj originoj, montrus sian fidelecon elvokante purajn principojn socialismajn kaj esprimus firman reagon kontraŭ tiuj, kiuj je la nomo de la laboristaro proklamis socialisman reĝimon kaj fakte starigis totalisman ŝtaton, tiranion neekskuzeblan, reĝimon pli regreseman ol tiu reganta en landoj kun kapitalismaj formuloj.*

*Sed verŝajne ne, la aŭtoro de la artikolo, anstataŭ analizi la proprajn erarojn de la pasinta etapo kaj skizi per novaj programoj kaj renovigo de ideoj kiel superi la fiaskon ekonomian kaj politikan, kiel prezenti novan mesaĝon al la laborista klaso kaj kuraĝigi ĝin al modernaj sociaj konkeroj, li okupiĝas ataki tiujn homojn antaŭe apartenantajn al lia sama formacio, ĉar ili forlasis la partion. Li nomas tiujn homojn "perfiduloj" kaj "kameleonoj", sed evidente, la verkinto de la artikolo forgesis, ke nek tiuj "kameleonoj", nek la plej firmaj "fideluloj" al tiuj reĝimoj, povis libere esprimi sian politikan opinion en siaj respektivaj landoj, kaj eĉ malpli, ataki la ĉiopovajn burokratojn sen danĝero perdi la vivon. Mi ne malkovras perfidon, kiam iu ajn estas devigata akcepti ion perforte. Eble, estus pli justa diri, ke la perfido kuŝis ĝuste en tiuj homoj, kiuj, en la nomo de la laborista klaso, promesis starigi sistemon politikan favoran al la laboristaj interesoj kaj tamen en la realo kreis reĝimon, kie kunvivado por la laboristoj estis vera infero: sen digna loĝejo familia, sen la minimumaj rajtoj por libere esprimi proprajn opiniojn, sen respekto al la propra kulturo, identeco kaj homaj rajtoj de la individuo...Kiom da sen mi devus skribi*

*por profili la portreton de la primitiva socisistemo kreita por la "ĝuo" de la laboristoj? Kiu perfidis kiun?*

*Amikoj komunistoj, kun sincera koro mi gratulas tiujn el vi, kiuj decidis resti komunistoj, ĉar ili ankoraŭ estas pretaj batali por sociaj konkeroj de la laboristaro. La batalo ne finiĝis kaj vi estas bonvenaj al niaj laboristaj vicoj, sed, kompreneble, neniu el vi povas aprobi la konduton de tiuj, kiuj, ne gravas sub kia titolo, starigis tiranismon, malrespektis la homajn rajtojn de la individuoj kaj la fundamentajn liberojn.*

*La artikolo denove eraras, kiam ĝi proklamas "la rikolton da fiaskoj de kapitalisma socio". Kamarado, ne ekzistas kapitalisma socio, ĉar socio estas "tuto da homoj kunvivantaj pro komunaj interesoj kaj rimedoj", kio tute simple signifas, ke socio estas vi, kaj mi, kaj la ceteraj, do nek vi kaj tute certe ankaŭ ne mi estas kapitalistoj. Ekzistas kapitalisma politika reĝimo, konsistanta en la ekonomika privata ekspluatado de la produktrimedoj, sed kontraŭ tiu sistemo bataladas la laboristoj de antaŭ jarcentoj, kaj nei la laboristajn konkerojn estas nei la progreson de la homaro.*

*Ekzistas ankoraŭ alia grava elemento, motivo sufiĉa por nia maltrankviliĝo, kiun mi volas komenti kiel devenantan de diktaturaj politikoj, kies gravecon neniu el ni devas ignori: temas pri la naciismoj. La erara politiko pri neagnosko de la kulturo kaj propraj karakterizoj de la popoloj de Orient-Eŭropo, generis naciismajn reagojn agresemajn, malfacile kontroleblajn en tiu ĉi momento. La fenomeno ne estas stranga por ni, ĉar ankaŭ la hispana diktaturo generis similan reagon. Estas absolute necese agnoski la rajton de ĉiu popolo al sia kulturo kaj al respekto al ĝiaj originoj, sed samtempe oni devas eduki ilin pri la solvo de la propraj problemoj, kiuj ne kuŝas en la arkaika kaj mezepoka sistemo de la naciismoj. La popoloj devas lerni la kunvivadon. Oni solvas neniun problemon per starigo de novaj landlimoj, novaj armeoj aŭ policoj. La naciismoj estas nigraj tuneloj sen eblaj eliroj. Estas la horo por renversi barojn, kunigi kolektivojn, konsenti pri komunaj politikoj, emfazi pri frataj interrilatoj solidaraj de ĉiuj popoloj...Militoj solvas ja nenion, naciismoj nur generas militojn kaj malamojn!*

*La leciono pri la falo kaj malprestiĝo de la porsocialismaj reĝimoj de Orient-Eŭropo devas esti, ke neniu popolo estonte konsentu pri la perdo, eĉ ne de parteto, de la funda-*

*mentaj liberoj kaj revoluciaj valoroj. Ne gravas sub kia preteksto. La sociaj konkeroj estas afero de laboristoj, ne de nacioj, kies interesoj neniam identiĝas. Gravas distingi tion.*

*Komunistoj aŭ ne, la laboristoj neniam devas perdi la perspektivon pri siaj liberoj, sociaj konkeroj kaj... pri paca homaro kiel futuro.*

*Antonio Marco Botella*



# Forpasis Germinal Gracia.

La 10an de Majo forpasis proksime de Montpellier, Francio, Germinal Gracia, liberecana aktivulo, aŭtoro de pli ol 30 libroj pri sociaj aferoj kaj pri vojaĝoj. Li verkis sub la pseŭdonimo Victor Garcia.

Germinal naskiĝis en Barcelono en 1919. Kiam la intercivitana hispana milito eksplodis li estis ankoraŭ juna knabo sed socie konscia. Revema idealisto, li estis kunfondinto de la kultura grupo "Los Quijotes", tre oportuna nomo kiu esprimas la celojn kaj sopirojn de la tiuepoka junularo. Ja veraj Kiñotoj ili estis... Li lernis Esperanton dum la militaj jaroj kaj ĝis la fino de sia vivo li restis fidela al la principoj de la internacia lingvo, kiun li ofte menciis en siaj verkoj. Kiel multaj samsortanoj, je la fino de la milito li fuĝis al Francio, kie dum jaroj li spertis la amaran vivon en la francaj koncentrejoj. Ni vidis lin denove en 1944 aktive partoprenanta en la medioj de hispanaj ekzilitoj.

Senlaca aŭtodidakto kaj energiplena, li estis unu el la teamo kiu eldonis "Senŝtatano"-n. Iom poste li translokiĝis al Venezuelo kaj vojaĝis al pluraj landoj kiel moderna nomado. Dum siaj vojaĝoj li elfunde esploris la kutimojn de la diversaj popoloj kiujn li kontaktis. Same kiel Elizeo Reclus, kiun li admiris, Germinal sciis observi kaj kapti la esencon de tio, kion li vidis. En 1959 li troviĝis en Japanio, kie dum pluraj monatoj li estis la gasto de la konata japana esperantisto Taiji Yamaga, kiu tradukis en Esperanton el la ĉina "Tao-Te-King" de la fama ĉina filozofo Lao-Ce. Rezulto de la spertoj akiritaj dum tiu vojaĝo estis la libro "El Japón Hoy".

Sinsekve, danke al siaj vojaĝspertoj, li aperigis "América Hoy", "Escarceos sobre China", "Coordenadas andariegas", "La sabiduria Oriental", "Kotuku,Osugi y Yamaga","La Incognita de Indoamérica" kaj multajn aliajn librojn. Notinda estas la fakto ke li verkis sobre kaj objektive.

En 1988 li komencis havi gravajn sanproblemojn: temis pri leúkemio.Tamen li ne ĉesigis sian literaturan agadon kaj en la jaro 1989 li aperigis 550-paĝan verkon "Antologia del anarcosindicalismo". Lastan leteron de li mi ricevis en marto de 1991. En ĝi li menciis,ke li devis enhospitaliĝi denove por simpla sankontrolo post plurmonata severa terapia kuracado. Sed li restis tre optimisma rilate la estontecon kaj daúre pretigis materialon por aperontaj biografiaj verkoj pri Kropotkin kaj Diego Abad de Santillán. En tiu lasta letero, interalie, li skribis:"...mi povas aldoni, ke la moralo estas fiksita al rozkoloraj horizontoj". Bedaúrinde, por li kaj ĉiuj liaj amikoj, la horizontoj nebule nigriĝis.

Germinal, kara frato, ripozu pace!

Eduardo Vivancos.



# Bonvolu ridi... sed ne tro!

Inteligenta hundo.-

Junulo intencas okupi laborpostenon ĉe butiko. La mastro klarigas al li la aferon: -Vi okupos la postenon kiel vendisto, nur se vi kapablas vendi ĉion restantan-

Post kelkaj tagoj la mastro gratulas la novan vendiston: -Estas mirinde! Mi ne komprenas kiel iu kuraĝis aĉeti la aĉan verdan--flavan mantelon!-

-Sinjoro, la kliento foriris tre kontenta, tamen la hundo de la blindulo volis mordi min!-

****** ****** ******

Pri psikiatra reago.-

Malsanulo vizitas psikiatron kaj tiu ĉi, komplezeme, akceptas lin ĉe la sojlo de la konsultejo kaj ĝentile lin demandas:

-Kio okazas al vi?, kiu estas via problemo?-

-Doktoro, mi multe suferas, mia problemo temas pri disduiĝo de la personeco!-

-Ho mia amiko, sed tio ne estas ja grava malsano!- diras la doktoro kun optimisma mieno ; -eniru, eniru en mian konsul-



## Bonvolu ridi... sed ne tro!

tejon, mia kara, kaj ni konversacios kvarope!-

****** ****** ******

Inter troemuloj.-

Tri kamparanoj babilas pri siaj respektivaj hundoj. La unua diras: -mia hundo estas tiel inteligenta, ke ĝi zorgas pri mia ŝafaro tiel bone kiel mi mem!-
La dua, laúdante sian ĉashundon, intencas superi la antaúan dialoganton kaj emfaze ekkrias: -ho mia hundo, ĝi kapablas pafi kaj ĉiam trafas!-
La tria, kun granda imagokapablo, intencas persvadi la aliajn pri la nesupereblaj kapabloj de sia hundo, montriĝas miendolora kaj ilin diras: -mirinda hundo estis la mia, bedaúrinde ĝi mortis elektrokutita!-

Ambaú amikoj reagis tuj kaj demandis lin duope: -ĉu eble pro fulmo?-
Ho, tute ne, ĝi estis riparanta mian televidaparaton!-

****** ****** ******

Insista peto.-

Estis noktomezo. Gasto telefonas al la hotelakceptejo: -Pardonu, sinjorino, je kioma horo oni malfermas la trinkejon de la hotelo?-
-Je la naúa matene, sinjoro-
-Dankon, sinjorino-

Du horojn poste, la sama gasto: -Sinjorino, je kiom, kioma hooro oni malfermas la trinkeejon?-
-Je la naúa matene, sinjoro-.

Tri horojn poste insistas la sama gasto: -Hip! Sinjooorino, je kiooooma hoooro oni...malferfermmmmas la trinkeeejon?-
-Sinjoro, mi jam diris al vi ke oni malfermas je la naúa matene!, kial vi insistas pri tio?-
-Prooo tio keee mi resreeestis enfeermitaaa en la trinkeeejo!-

****** ****** ******

Trafa plendo.- Viro ploris apud tombo, dirante:
-Kial vi mortis? Ha, kia ĉagreno!-

Vidante tion, demandis preterpasanto:
-Amata parenco, ĉu ne?
Ho, ne, la unua edzo de mia edzino!-

****** ******

Maria Fernanda.

# Komentoj pri "La verda libro".

de Muamaro la Gadafio.(*)

Ĉi tiu libro, kiel "La Sankta Biblio kaj "La Nobla Korano",ĝia titolo estas multe pli konata ol ĝia enhavo. Mi legis ĝin kaj trovis, ke ĝi povas esti tiel atentinda kaj efike revolucia kiel la ĉefverkoj de Kartezio, Kantio, Darvino aŭ Markso. Tamen mi agnosku, ke ĝia karaktero estas pli manifesteska ol enciklopedia, kaj ke ĝiaj 136 paĝoj (en hispana eldono) povus fariĝi nenombreblaj per klarigaj komentarioj. Sed mi ne faros tion, kion eble la aŭtoro mem -aŭ aliaj- jam faris aŭ entreprenis. Mi nur prezentos koncizajn notojn pri la enhavo post supraĵa legado.

"La Verda Libro" konsistas el tri partoj:

1ª: La solvo de la problemo pri demokratio.-La Popola Povo-.
2ª: La solvo de la ekonomia problemo. -La Socialismo-.
3ª: La socia fundamento de la Tria Universala Teorio.

Unue, mi klarigu, ke la Tria Universala Teorio (T.U.T.) estas nomo de mondkoncepto eksplikata en tiu verko. Provizore sufiĉu scii, ke ĝia"plejo" estas la naturo. Kion ni komprenu per tiu vorto, ni vidos poste.

La unua parto supozigas, ke nur demokratio estas konsiderinda; ĉiuj homoj havas samajn rajtojn (laŭnature, ĉar privilegioj estas home faritaj), do ĉiu rajtas regi sin.

Gadafio kritikas la tradician religion de demokratioj kiel falsan: ĉe ĝi popolo ne regas sin mem, sed registaro pretendas reprezenti la popolon, dum neniu rajtas reprezenti aliajn. Laŭ li, reprezenti estas mensogi; intereso de parto ne koincidas kun tiu de tutaĵo.

Li prezentas jenan solvon: asembleajn kunvenojn, en kiuj koncernatoj decidas pri siaj aferoj kaj nur pri siaj.

En la fino, tamen, realisma Gadafio akceptas (ŝajnas, ke amare), ke la praktiko altrudas regadon far la fortuloj.

En la dua parto ni trovas, ke la decida fonto de ekonomiaj problemoj estas ekzisto de salajroj; ĉi tiuj implicas ekspluatadon, forvendon de propra libero. La solvo al la sistemo de dungado estas kunlaborado. Ĉiuj rajtas konsumi riĉaĵojn laŭbezone. Kaj tio produktita apartenas al ĉiuj, aŭ almenaŭ al la produktintoj. Kaj produktinto estas ĉiu kunlaborinto. Ĉe tio komenciĝas ŝajnaj nekongruaĵoj.

Servado ne estas konsiderata kiel libera laboro, do ne kiel kunlaboro ĉe produktado. Sed tamen tio restas denove klara, kiam sciiĝas, ke la natura ordo postulas, ke ĉiu zorgu pri si mem, pri sia hejmo, pri siaj idoj, kiel



fakte okazas en libera naturo. Tamen kongruecon de plia aserto mi ankoraŭ ne kaptis. La aŭtoro skribas, ke eblas malsama riĉeco ĉe plenumantoj de publika servo. Do ŝajne ekzistas parto de la socio, por kiu ne validas la regulo "pli ol sufiĉe estas trompe". Sed Gadafio mem diras, ke profiti sian kapablon, lerton, aŭ alies handikapon, por alpreni pli grandan porcion de la komunaj riĉaĵoj-havaĵoj estas kiel ŝteli. Certe do mankas eksplika klarigo de la menciita aserto.

La tria parto prezentas profilon de la T.U.T. Mi ne scias la devenon de tiu esprimo; nur supozas, ke ĝi probable celas trian vojon inter kapitalismo kaj komunismo. Sed atentu! Tio tute ne pensigu vin pri diktatorecaj reĝimoj, nazioj kaj faŝistoj. La araba socio -el kiu fontas nepre, malgraŭ eventualaj ĉiudirektaj influoj, la persono kaj menso de Gadafio- havas alian strukturon ol okcidenta Eŭropo aŭ aliaj lulilo j de diktatoroj; sekve ĝiaj produktoj povas ne simili al tiuj de ni konataj.

La verkinto prezentas sinsekve kaj preskaŭ ĉenere bazon, sekvojn kaj konsekvencan parton de la tiel nomebla superstrukturo de la T.U.T., tio estas, de mondo en natura ordo.

Ekzistas unu natura strukturo aŭ ordo en la homa socio. Ĝi konsistas el jenaj unuoj, de pli al malpli kunglui̧ĝemaj: individuo, familio, tribo, nacio, homaro. Harmonio povas regi,se oni atentas komunajn interesojn. La naciajn malplimultojn li konceptas kiel malglataĵojn trudatajn de kontraŭnaturaj homaj agoj.

Ankaŭ ekzistas same naturaj roloj de viroj kaj virinoj, malhelpataj nur de kontraŭnaturaj trudoj. Ekzemple, viro devus produkti dum virino zorgas la hejmon, ĉar tia labordivido estas la plej konforma al ilia fiziologio. Se ne okazas tiele, la kaŭzo estas salajrosklaveco, kiu forprenas la produktaĵon de la produktanto. Tamen,la aŭtoro asertas, la naturo altrudos sin reage.

La natura ordo certigas, ke, post la flavuloj kaj blankuloj, la nigruloj regados la mondon 'kompense al sia antaŭa subpremiteco.

Natura estas ankaŭ la rajto lerni, kiun severe limigas la devigaj lernobjektoj: ĉiu elektu tute libere. Temas pri la rajto scii kaj pri la rajto elekti.

Esperantistojn verŝajne interesos liaj pensoj prilingvaj. Li opinias la alprenon aú aperon de unu lingvo por la homaro -rememoru la moton de Ŝlejero: Menade bal, püki bal-, ke ĝi estas dezirinda kaj okazos poiome (sed kiele?). Li diras, ke ĝi devas esti heredata, se ĝi transdonu ĉiajn kulturajn valorojn kaj se ĝi estu esprime tiel suka kiel la nunaj heredataj lingvoj. Mi atentigu ĉi tie, laú nia sperto, ke senti lingvon povas precipe nekonstantaj uzantoj, la sukon de lingvo sentas (antaú ol analizi) plej subtile kaj detale ĉiutagaj, prefere ekskluzivaj uzantoj, kiuj tuj rekonas la etoson de difinitaj lingvo-uzoj. Mi plej ŝatis lian pritrakton de spektakloj. Gadafio distingas individuajn disde kolektivaj homaj agoj. Manĝi, preĝi, ĝui klimatizadon kaj similaj estas jen individue, jen plurope efektivigataj. Laú li, estas absolute stulte spekti, ke unu aú pluraj personoj faras ion (krom por lerni). Oni mem faru. Se ne, oni ne spektu; nur stultulo rigardus alian manĝi aú preĝi aú... Same pri sporto. Aú pri rajdado: nur nekapabluloj spektas anstataú partopreni, kaj tia nekapablo estas bedaúrinda. Ĉiu deziranta lerni rajdi devus lerni sen pliaj nuntempaj problemoj malhelpaj.

Ankaú la teatron li ne trovas serioza. Ĝi estas nur por tiuj ne sciantaj vivi, malseriozaj pri sia vivo, klaĉemaj (la aútoro ŝajne supozas ke ĉiuj atentas la seriozigajn flankojn de sia vivo).

La luktojn li lokas en la vivo de homaj oferoj, dueloj kaj similaj kiel sovaĝajn, ne civilizitajn kondutojn. Imageble, lia sinteno antaú taúroludoj estus jena: Se oni buĉu taúron por manĝi, oni buĉu ĝin sen pliaj trompaj ŝercoj kaj torturoj, kaj malmankas la sangavidaj spektantoj. Se oni amuziĝu, mense sana persono povas certe trovi aliajn pli naturajn manierojn kun aú sen bestoj.

Fine, Gadafio laúdas la vivostilon de beduenoj, harditaj de malfacila vivo en la dezerto, kiu aprecigas al ili naturan sintenon, normalecon en ĉiuj flankoj de la vivo. Ekzemple, beduenoj malatentas spektaklojn kiel sensencajn; ili mem festas kaj ekzerciĝas laúbezone kaj propravole. Jen modelo de naturaj homoj kaj homaro.

Nu, per tio vi ne havas kompletan bildon pri "La Verda Libro", tiom malpli pri la T.U.T. kaj eĉ malpli pri la realo en Libio. Por tio vi devus mem priesplori.

Rikardo F.A.R.

(*) Muamaro la Gadafio (Mu'ammar al-Kaĭĭâfî).

# Amikeco kaj poezio.

La 12an kaj 13an de Aprilo okazis en Cáceres Iberia Renkontiĝo organizita de la strebema meridano Francisco Cabezas. La klopodoj de tiu konata aktivulo sukcesis ne nur kunvenigi kelkajn dekojn da esperantistoj el Lisbono, Badajoz, Madrido k.a., sed ankaŭ varbi la apogon kaj subtenon de la "Caja de Ahorros de Cáceres", kiu i.a. disponebligis sian kulturdomon por la evento.

Ĝuste la Prezidanto de tiu institucio inaŭguris la aranĝon per hispanlingva salutparoladeto, dum kiu li reliefigis la gravecon kaj lastjarajn atingojn de la E-movado, kaj krome li promesis apogon al estontaj tiuspecaj iniciatoj. Poste, alparolis la publikon la organizinto kaj ankaŭ la Prezidanto de PEA, kvazaŭ preparante la aperontan ĉefpladon.

La ĉefprogrameron konsistigis altnivela kaj altira prelego pri la fama poeto Garcia Lorca, fare de alia poeto, Miguel Fernández Martin, specialistiĝinta pri tiu aŭtoro kaj jam tradukinta plurajn liajn verkojn, i.a. "La domo de Bernarda Alba" kaj "Sanga Nupto". Plej dramajn viverojn de la bedaŭrata Federiko, kies lirkordojn murdŝiris bestioj; la ravata publiko sorbis el la mildaj moduloj de Miguel Fernández, kiu interplektis la biografion de Lorca kun majstre tradukitaj poemoj kaj tradiciaj andaluziaj kantoj:

Se mi mortos,
restu la balkon' aperta...

Restas aperta lia verkaro, kvazaŭ balkono invitanta enpaŝon kaj ekĝuon. Restas la balkon' aperta, laŭ lia deziro! Nevortumeblajn emocion kaj patoson elvokis la plenumo de Miguel Fernández, primajstra majstro.

Post paŭzeto la portugalo Gonçalo Neves deklamis la jenan poemon speciale verkitan por tiu okazo:

NAJBAROJ.-

Najbaroj!
najbaroj konkere sur maroj!
najbaroj sed tiom da baroj!
pravundoj kaj glavaj misfaroj!



najbaroj!
disgentoj apudaj plejforaj
kuntuŝaj kontraste dismoraj

najbaroj!

praĝermo nebula plurrasa
krisolo fenica kaj greka komerce
      ibera kaj kelta ĉeferce

ni estas romidoj parole kaj jure!
ni estas araboj algebre kaj agre!
ni estas barbaroj vandalaj kaj gotaj
      kunmikse-raskaĉe-krucprene!

ni estas ŝipuloj transŝaúmaj
Ameriken-Afriken-Azien

Magelane Kolumbe kaj Game landserĉaj!

najbaroj!

sango kaj glavo: jen signoj kunvivaj
hispanoj! ni ŝaltis ĉi mondon!
portugaloj! ni gardu la lumon!

ne plu la povo de kasaj bilancoj!
      estonte nur homo kun homo,
      najbaroj sen limoj sen baroj!

Pri najbareco kaj la estonteco de similaj iberiaj renkontiĝoj trafe paroladetis João Santos, kies plenumon sekvis prezento de folkloraj kantoj kaj dancoj fare de loka gejunula grupo en buntaj kostumoj.

La sekvan tagon la partoprenantaro trapromenis la malnovajn kvartalojn de Cáceres kaj iom muzeumis, antaú la ĝisa komuna tagmanĝo, kiu saúdadigis la luzitanojn aútontajn al sia ĉefurbo

Salnevo.

****** ****** ******

Kamaradoj: Tiuj,kiuj ankoraú ne pagis sian ĉi-jaran abonon, bonvolu,tion fari kiel eble plej baldaú. Dankon!

# Korespondi deziras

26-jara sciencisto kaj historiisto, esploras antikvan kaj mezepokan historion de Centr-Azio, ĉefe de ĉinaj fontoj.Klubanoj ankaú volonte korespondus kun hispanoj.Adreso:Andrei Kolganov;Chilanzar, 17-2-9. TASHKENT.700135-Uzbekistan.USSR.
****** ****** ******

Alĝeriano deziras korespondi kaj ricevi informojn pri la hispana esperanto-movado.Adreso: Trari Bonalem;BP 29.- 29500-GHRISS W/ MASCARA. (Alĝerio).
****** ****** ******

Esperanta Klubo preparas vesperon dediĉitan al Hispanio.Ili deziras ricevi E-lingvajn informmaterialojn. Adreso: Jurij Zelinskij; Instituto de Matematiko. Repin str. 3. SU-252601-KIEVO. (Sovetunio).
****** ****** ******

Alberto Gómez Cruz; Apartado Postal nº 125. MATANZAS. C.P. 40100, CUBA. deziras korespondi kun hispanaj samideaninoj por praktiki Esperanton. Li petas sendu literaturaĵojn.
****** ****** ******

Ni ricevis peton el Kooperativo de Esperantistoj el Ĉeĥoslovakio por aperigi jenan informon: "Ĉu vi volas viziti nian landon kiel unuopulo aú kun via familio, aú organizi plinombran grupon dum unu jaro? Ankoraú vi ne havas certigitan loĝadon? Ĉu vi volus kontaktiĝi ankaú kun esperantistoj? Ĉu vi volas loĝi en trankvila domo, en bone ekipita kaj tamen malmulte kosta turisma centro, proksime de la urbocentro de Praha, konatiĝi kun historio, kulturo, vivkondiĉo sed eble ankaú kun bona ĉeĥa biero? Ĉio eblas, se vi baldaú skribos al ni por pli detalaj informoj... Ĉu vi ankaú volus korespondi kun civitanoj de Ĉeĥoslovakio en Esperanto?. Skribu al ni: INTERHELPO, Kooperativo de Esperantistoj. Poŝtkesto,44. 150 00-PRAHA 5. Ĉeĥoslovakio.
****** ****** ******

Membroj de Esperanta Klubo "Pli da lumo" dez. kor. kun esperantistoj el la tuta mondo. Bonvolu adresi viajn leterojn al: Lic. Ruddy Fernández-M.-Esperanta Klubo. Gaveta Postal,2. SANTIAGO DE LAS VEGAS 17200. Ciudad Habana. CUBA.
Ni tre dankus la ricevon de esperantista materialo!

# La movado en kaj ekster Iberio.

Moia (Barcelono).- La Unua Esperantista Rendevuo okazos la 29an de Septembro en Moia (Barcelono). Tre interesa Programo jam estas preta: Malfermo de Libro-Servo kaj Video-Servo. Prelegoj de Luis Serrano kaj Salvador Aragay. Informado pri U.K. en Valencio fare de Aúgusto Casquero. Inaúguro de strato al samideano "Ramon Molera,Professor de Esperanto". Tipaj dancoj, ktp. Aliĝoj al: Unua Esperantista Rendevuo.- Apartat 23484. 08o8o-BARCELONA.

****** ****** ******



Pardubice.- Esperantista klubo ZK TESLA de Pardubice, Ĉekoslovakio, aranĝos leter-vesperon la 30an de Oktobro 1991 kaj atendas salutojn el tuta mondo. Ĉiuj salutontoj ricevos koloran bildkarton de urbo Pardubice. Eble korespondi kun gelernantoj de 12 j. ĝis 70 j. Salutleterojn aú bondezirkartojn bonvolu adresi al klubano: Pavel Nechvile, Fügnerova 233,533 51 Pardubice-Rosice. Ĉeñoslovakio.

****** ********* ******

Albanio.- Laú "Eta Gazeto" informas, la 8an de Marto 1991 estis oficiale fondita Albana Esperanto-Ligo, kun 192 membroj. Ĝia Prezidanto fariĝis Gafur Muĉo.
Ni deziras al la nova esperantista asocio grandan sukceson!

****** ****** ******

Franca Komisiono de Verdulaj-Esperantistoj por la promocio de la lingvo Esperanto.-
Al Verdulaj esperantistoj kaj simpatiantoj: En Novembro 1989 dum la kongreso okazinta en Marsejlo (Francio), nia propedeútika lingvo estis balote elektita kiel unu el la laborlingvoj de la verdanaro. La 24an de Februaro 1991 en Liono (Francio), okazis la Tria kunveno de la francaj verdulaj esperantistoj. Unu el la decidoj estas peti vian helpon...Internacia Kongreso de la Eúropaj Verdaj partioj okazis dum la unuaj tagoj de Junio 1991 en Zurich. Bonvolu insiste peti la uzadon de Esperanto ĝis atingo de la celo: Partido Verde;Apartado,53161 28080-MADRID.



# La talenta Ibn Suhayd.

Abü Amir ibn Suhayd naskiĝis en Kordovo en la jaro 992. Grava intelektulo kaj altranga politikisto dum la lastaj jaroj de la kalifejo Umaja (1),li estis, krom elstara poeto,ankaú inteligenta beletro-kritikisto, aútoro de interesaj verkoj, el kiuj oni konservas "Epistolo".

Lia poezio, konceptita kiel klasika en tiu epoko, havas certan stilon modernisman, tre similan al tiu ŝatata de okcidentanoj. Li observas detale la naturon kaj fidele priskribas ĝin per helpo de belaj metaforoj, kiel en tiu ĉi poemo:

TEMPESTO.-

Marfermiĝis ĉiu floro
sub fekunda densa pluvo,
kaj en la obskura nokto
ili estis kvazaú buŝoj
ricevantaj la kajolojn
kaj el mamoj vivonutron.

Marŝas laú militparado
surĉiele nubarmeo
plenŝarĝita de akvaro
defilanta kun majesto;
ŝajnas ora bril' de sabroj
kaj malŝarĝo de kolero
l' internuba fajrfulmado
de l' sovaĝa fulm-tempesto.

Kvankam tiu ĉi poeto tute ne kondutis kiel la ceteraj, kutime serĉantaj la favoron de la sinjoroj per laúdaj poemoj, li ja ne eskapis el la fluo de sia epoko kaj serĉis sian inspiron en la plezuroj de la sensoj: la erotikaj kaj la priorgiaj, kaj kiel precipan esprimoformon li uzis la metaforojn. Jen unu el liaj plej belaj poemoj:

## ORGIO.-

Kiam post la noktdiboĉo
ŝi dormiĝis plenebria,
laca de l' plezur' la korpon,
la okulojn dormfermitaj...

Mi, sen rompi ŝian dormon,
serĉis la talion ŝian,
samtimeme kiel homo
serĉas amikecon vivan.

Kisis mi la blankan kolon,
sorbis mi el buŝ' gracia
ruĝon, plaĉon kaj amoron,
la plezurojn plej ĝuindajn!

Kun ŝi mi pasigis nokton
post la horoj plenorgiaj,
ĝis ridet' de helaùroro
per la blanka dent' tagiĝa
venkis la tenebreskorton
de la nokto dense nigra.

Kiel kritikisto, Ibn Suhayd priskribis en sia verko "Epistolo" vojaĝon de poeto al la paradizo, kie li trovas certan nombron da renomaj poetoj, kies poemojn li kritikas, burleske laúdas aú severe malaprobas, fakte tre interesa antologio, kiu multe helpas la komprenon de la tiuepoka liriko.

Kiel politikisto li suferis la persekuton de la fanatikaj Aliidanoj, kaj kun doloro vivis la malfeliĉajn horojn de la falo de la umaja Kalifejo.

Ibn Suhayd forpasis en Kordovo en la jaro 1.035, viktimo de suferiga terura malsano, kaj estis enterigita en parko de la sama andaluza urbo kie li naskiĝis.

Antonio Marco Botella

****** ****** ******

(1)Umaja: Apartenanta al araba dinastio devenanta de Banü Umayya, el kiuj kelkaj estis kalifoj de Damasko kaj aliaj en Al-Andalus,emiroj sendependaj kaj kalifoj de Kordovo.

# ORIGINALA POEZIO



(*)KASIDO PRI LA ZENITA AMO.-

Min nutras via voĉo, via buŝo,
arda granato amdelire disfendita:
kaskadas animtremoj,ridetoj,galaksioj,
trilaro ĝust-akorda
kun citroj kaj liutoj; milde rojas
la dolĉa ruĝa vin' el via lango.

Min nutras via helo. Glimas amo.
La amo estas brilo
Venusa.
La amo estas blanko
nimfea.
La amo estas pura inkandesko:vi:la lumo,
la lumo kardinala
donanta al la steloj sian sencon.
La lumo estas vi:
ajna lumero trovas
en vi sian devenon;
tenebroj vaporiĝas
tanĝante vian randon; karmezinaj
de dura batalado
kontraŭ kalcitraj ombroj, ja la bekoj
de la du blankaj turtoj viabrustaj
tunelojn sunajn fosas en la nokto.

Min nutras viaj lipoj. La papava
fluido el iliaj
trepidaj flugilsvingoj ĉe kisado
jam iĝis nepra
mana' por mia sango.
Min nutras via gaza okulparo
-kvieto kaj lazuro-,
en kiun la ĉielo sin resumis...

Kaj ni kuŝas
sur kalendula lito, kunvenkitaj
en ama lukto, fol' aŭ kalenturo.
Nur vin domaĝas mi en ĉi ekstazo,

en ĉi safira
ĝardeno mosk-odora.
Sed kiu merlo predus vian voĉon?
Kiel la lumo povus estingiĝi?
Kies pokalo ŝtelus la efluvon
el viaj puncaj lipoj?
Kiu gazelo, kiu neĝa birdo
ensorbus la mielon
el viaj pupil-stavoj,
kie sin banas nuda mia juno?

Tuj aperos
verŝisto nin regali
per ora vino, kantoj kaj poemoj.

Sensu
la tiklon de l' bobeloj gorĝe. Drinku
ni kune, ĝis la luno dissolviĝos
en niaj glasoj. Poste ni revenu
al nia ama, ĝis plorĝemoj ĝua
duelo, kiu ĉiam nin kunvenkas.

Miguel Fernández Martin

****** ******

(*) Kasido: Araba-persa diverstema poeziaĵo kun nedeterminita nombro da unurimaj versoj, se klasika.
La vorto kasido devenas el la araba "qasida", kaj temas pri la klasika versformo el antikva araba poetiko, konsistanta el 30 ĝis 150 versoj, kies lastaj hemistikoj havis saman rimon. Kutime, ĝi estis dividita en tri partoj: priama prologo, priskribo de vojaĝo tra la dezerto, kaj fina panegiro pri la persono, al kies omaĝo oni dediĉas la poemon.

****** ****** ******

20-jara korea esperantistino studanta en Universitato deziras korespondi kun hispanaj junuloj pri Hispanio.Adreso: CHAE Kyounghee, 108-11. Nokyangdong. Uijungbu 480-120- KOREA.

# Legindaj rakontoj

## LA SENDANKA SERPENTO.-

Estis foje serpento kiu, serĉante konvenan lokon por ripozi, rampis sub rokon. Poste, kiam ĝi decidis forlasi la kaŝejon, ĝi konstatis, ke neniel eblas al ĝi elrampi. Tial, ĝi petis helpon de viro preterpasanta sur la apuda vojo.

-He, bona viro! Helpu min elrampi.-

Longe strebis la viro ĝis, fine, li sukcesis levi la rokon. Tiam, trovante sin libera kaj ekster danĝero, la serpento diris: Nun mi formanĝos vin, ĉar mi malsatas.

-Ĉu vi formanĝos min malgraŭ, ke mi vin savis?- diris la viro iom surprizita.

-Ĉu tio mirigas vin? Ĉu vere vi ne scias, ke en ĉi mondo oni pagas malbonon por bono?- Ni demandos la tri unuajn bestojn, kiujn ni renkontos, kaj,se ili min pravigas, mi voros vin.

Baldaŭ ili ekvidis tristan kaj maljunan hundon, kiun la serpento demandis:

-Ĉu ne vere, Hundo, ke en la mondo oni pagas malbonon por bono?-

-Jes ja, ĝuste tio okazis al mi. Dum mi estis juna kaj forta kaj taŭgis por la ĉasado, ne mankis al mi manĝo kaj neniam mi dormis subĉiele. Tamen nun oni elpelis min kike.

Iom poste, la viro kaj la serpento renkontis ĉevalon. La serpento diris al ĝi:

-Ĉu ne vere, Ĉevalo, ke en la mondo oni pagas malbonon por bono?

-Vere tiel okazis al mi. Dum mi estis juna kaj forta kaj galopis kiel vento, mia rako plenis de fojno. Tamen nun, kiam mi estas maljuna kaj lama, oni elpelis min per batoj el la stalo -respondis la ĉevalo-.

Post ne tro longa irado, la konsternita viro kaj la manĝavida serpento renkontis vulpinon, al kiu la rampulo faris ankaŭ la saman demandon:

-Ĉu ne vere, Vulpino, ke en la mondo oni pagas malbonon por bono?-

-Kial vi diras tion?- -respondis la vulpino.

-Nu, ĉar ĉi homo helpis min elrampi el sub roko, kaj nun mi volas formanĝi lin. Ĉu mi pravas?-

-Ni ekzamenu,kiel tio okazis- diris la vulpino-.

Irinte returne, ili tri alvenis ĉe la roko, sub kiun la serpento metis sin denove, por ke la vulpino konstatu,kiel okazis ĉio. Tiam la vulpino diris al la viro:

-Nun frakasu al ĝi la kapon, ke ĝi mortu ĉar sendanka.

Kaj la viro tiel faris.

LIVEN DEK.

